*Sendu novaĵon al AE kaj la mondo. Ĉiu semajna novaĵletero.* rspring@tpg.com.au

# Aŭstraliaj Esperantistoj



## Novaĵletero de ĉiuj Aŭstraliaj Esperantistoj

**RETADRESE AL ĈIU ESPERANTISTO EN AŬSTRALIO, NOVZELANDO KAJ PETANTOJ**



**Redaktoro Roger Springer Provlegita de Franciska Toubale**



**PLENUMITA 07/02/2019 Kvarcentdekdua eldono (unua eldono 20/09/2011)**

SENDITA AL 325. La informa kaj noma paĝoj reaperos nur kun la dekaj eldonoj

Sendu novaĵojn, leterojn, fotojn, informojn al Roger Springer rogerspringer@tpg.com.au;

***Uzindaj ligoj.*** *openclipart. * *reta-vortaro * Freelang Vortaro * *Plena Ilustrita Vortaro * * Google Translate * * Pasintaj AE eldonoj * * Duolingo * duolingo all courses * lingvohelpilo * *PMEGramatiko * * Esperanta Retradio * *Esperanta himno*

Oni povas meti sian nomon, retadreson, urbon kaj landon al la listo de ricevantoj. rspring@tpg.com.au

★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★

## Entute 775,000 lernantoj nun studas Esperanton per Duolingo



Nun studas 356,000 lernantoj per la angla lingvo. (Ekde Majo 2015)
Nun studas 308,000 lernantoj per la hispana lingvo. (Ekde Oktobro 2016)
Nun studas 111,000 lernantoj per la portugala lingvo. (Ekde Majo 2018)

★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★

## Gramatika serio "La Verbo en P.A.G.".




### N.ro 54 (La Plena Analiza Gramatiko de Waringhien kaj Kalocsay)





Laŭ P.A.G. la centro de la Propozicio, de la bildo, estas la Predikato, la ago, la verbo, ĉar estas la Subjekto kiu difinas la agon. Sed gramatike la centro de la Propozicio estas la Subjekto, ĉar per ĝi la Propozicio kompreniĝas, kaj estas la Predikato kiu klarigas aŭ difinas la Subjekton, kiu Predikato diras kion la Subjekto faras. Oni povas diri, ke praktike la Predikato estas la centro de la Propozicio, kaj gramatike estas la Subjekto kiu estas la centro. Cetere AŬ unu AŬ la alia ne faras iun ajn diferencon en la uzo de la lingvo.



. *Marcel Leereveld*

*Se informo pri via novaĵo mankas, la kialo estas ke neniu informis AE*

***Sendu novaĵon al AE kaj la mondo. Ĉiu semajna novaĵletero.*** rspring@tpg.com.au



# La Manlia Esperanto-Klubo



Anoj kunvenas la unuan kaj trian sabatojn je la 10atm. Bavarian Beer Café, Manly Wharf. Unu taso da klubpagota kafo atendos vin. La 2a de februaro estis la unua sabato. Venis Roger Springer, Michael Peters, Rainer Kurz, John Casey kaj Eunice Graham. *Roger Springer*

# M u z i k o e n m i a ĝ a r d e n o .



**BRUOJ EN MIA ĜARDENO .**

Ĉar miaj domo kaj ĝardeno situas en ŝtonera vojeto, kun malmulte da trafiko, mi kutime aŭdas nur la bruon de la birdoj. Ĉeestas oko da diversaj birdokantadoj, kaj mi devas konfesi, ke mi rekonas nur tiujn de la kukaburoj kaj de la blankaj kakatuoj. La unuaj estas tre bonvenaj loĝantoj ĉe ni, kaj la duaj estas pesto ruiniganta la florojn de la arboj.

En la domo, sed nur ene de la domo, mi povas aŭdi la muzikon el radioj kaj televidoj. Hieraŭ mi rigardis parton de programo de fama moderna muzikistaro aŭdiganta modernajn kantojn. Miaj impresoj estas la jenaj. Normale estas tri, kvar, aŭ kvin muzikistoj, almenaŭ gitaristo, tamburisto, kaj kantisto. La unuaj du estas preskaŭ ĉiam viroj (kial ?), kaj la tria pli ofte virino.

El de malproksime, la muziko sonas kiel la kombinitaj maŝinoj en fabriko. La gitaristo plifortigas siajn sonojn elektronike, por aŭdati apud la granda bruo de la tamburoj. La melodioj estas tre monotonaj, kaj konsistas preskaŭ nur el ritmoj, precipe la monotona ritmo de la seksagado. Tio sonas tre araba. La kantistoj ĝenerale ne estas grandaj artistoj, ĉar ili bezonas mikrofonon por plifortigi sian voĉon. Operkantistoj en grandaj salonegoj neniam uzas mikrofonon; iliaj voĉoj estas sufiĉe fortaj kaj trejnitaj por tio. La voĉo mem povas esti altira, depende de via gusto. La melodio estas ofte malriĉa, eĉ apenaŭ ekzistanta. Do la kantisto elkrias sian rakonton aŭ sentojn sen melodio kaj kun nur la forta sed monotona ritmo de la tamburoj.

Laŭ mia sento tiu kantado estas nur por kaj pri maljunaj infanoj kaj interaĝuloj, ne por plenkreskuloj. Sed ĉar mi dum naŭdek jaroj konstatis, ke la plenkreskuloj ŝategas la kantojn de sia interaĝperiodo, sendube ĉar tiuj memorigas ilin pri belaj tagoj, la junaĝa muziko plu popularas dum la generacio de plenkreskuloj. Mi kaj multaj aliaj homoj krome lernas, dum plenkreskulperiodo, alian muzikon pli artan ol popularan, kaj tiorezulte havas pli vastan muzikintereson, ja tamen tenante la ŝaton de nia infaneco.

Sed por mi la moderna postpostgeneracia muziko sonas kaj neŝatatas kiel la simila bruo venanta el fabriko. Mi ŝategas la muzikon de mia interaĝa periodo, la dudekaj kaj tridekaj jaroj de la pasinta jarcento, kiu estis precipe la periodo de la viena valso kaj de la komenco, en Francujo, de la modernaj kantoj por kaj pri interaĝuloj (kiuj antaŭ tio ne ekzistis), ekz. Tino

***Se informo pri via novaĵo mankas, la kialo estas ke neniu informis AE***

Rossi. Krome mi ŝategas la klasikan muzikon de la tempo de Beethoven plus la operojn, kiun muzikon mi ekkonis dum mia plen kreskulaĝo. Kaj la novaj generacioj post mia generacio elektis kaj elektas kaj elektos sian plenkreskulan muzikon kaj plu ŝategos sian antaŭan aŭ nunan interaĝulan muzikon.

*Marcel Leereveld*.

## ĈU VIAJ ĜARDENGRUNDOJ FLORAS ?

Pasintsemajne, gramatikeme, mi menciis ke oni diras ke onia ĝardeno nun floras se nur la plantoj floras, kaj nun mi demandas ĉu, pro la respondo al la ĝardeno floras, ni ankaŭ povas diri ke la grunda parto de nia ĝardeno floras, ĉar ekzistas plantoj kiuj floras en la grundo.

Estas konata afero, ke kelkaj plantoj kreskigas siajn semojn sub la tero, ekzemple la "ternuksoj", la sojfaboj. Post fekundiĝo la tigoj kun la semoj de la floroj kreskas malsupren en la grundon , por tie maturiĝi.

Ankaŭ ekzistas plantoj kiuj sendas la tigojn kun la burĝonoj en la teron por tie flori. Mi havas en la ĝardeno kelkajn dekojn da tia speco, kies nomon mi bedaŭrinde forgesis (ĉu iu povas helpi min tie?). La plantoj estas malaltaj: nur la sufiĉe grandaj folioj elkreskas el la tero, kaj do videblas. La koloro de la folioj estas malhele verda, kaj ili neniam ricevas sunbrilon (pro la loko kie mi plantis ilin, konscie). Dum certa periodo la plantoj floras, sed en la grundo. Oni do neniam vidas la florojn, escepte se oni fosas. *Marcel Leereveld*.

## NOVA (?) IDEO PRI MODAJ HELPVERBOJ .

Mi donas al vi novan (eble jam malnovan) klarigon pri la modaj helpverboj, klarigon malsaman al tiu de P.A.G. kaj malsaman al tiu de Marcel Leereveld. Ĝi esprimiĝas jene, en kunteksto kun la aliaj specoj de verbo.

**1e**. La verboj dividiĝas en du klasojn, la TRANSITIVAJN kaj la NETRANSITIVAJN.

**2e**. La transitivaj povas, kaj kelkfoje devas, havi (rektan) OBJEKTON kun si, kaj ili do ĉiam povas uzati en la pasiva voĉo (kion la netransitivaj ne povas).

**3e**. La Gramatika Objekto ĉe transitiva verbo povas aperi en la formo de Infinitivo.

**4e**. Netransitiva verbo povas ofte ŝanĝati, kun samtempa ŝanĝo de la signifo, en Transitivan Verbon per la sufikso "-igi".

**5e**. La Netransitivaj verboj ne povas havi ĉe si Gramatikan Objekton, kaj tial povas neke ŝanĝati en la Pasivan Voĉon.

**6e**. Kelkfoje, speciale ĉe verboj indikantaj moviĝon (veni, iri, ktp.) , aspektas kvazaŭ la netransitiva verbo sekvatas de Objekto en la formo de Infinitivo, sed en tiaj kazoj ne temas pri Objekto sed oni devas subkompreni prepozicion (ekz. "Ŝi venis kartludi" = "Ŝi venis POR kartludi" kaj "Ni ĝojis hejmveni" = "Ni ĝojis pri hejmveni".

*Sendu novaĵon al AE kaj la mondo. Ĉiu semajna novaĵletero.* rspring@tpg.com.au

**Modaj Helpverboj:**

**7e**. (Nur) kelkaj netransitivaj verboj, nomataj "modaj helpverboj", ĉiam bezonas ĉehavi post si Infinitivon, kiu NE ESTAS GRAMATIKA OBJEKTO nek BEZONAS ANTAŬ SI PREPOZICION. Ni devas konsideri tiujn Infinitivojn en tiuj kazoj kiel partojn de duverba kombinaĵo indikanta du interdifinantajn agojn.

**8e**. La propraj modaj helpverboj estas: Voli; povi; devi; rajti; kaj kuraĝi; ili ĉiam devas sekvati de infinitivo. Ekzistas kroma grupo de modaj helpverboj, netransitivaj, kiuj povas sekvati de infinitivo sed ne bezonas. Ili estas i.a. iĝi (tre malofte uzata tiel); konsenti, inklini; peni; kaj aliaj.

**9e**. Ĉar la Modaj Helpverboj uzeblas (kelkaj nur) kune kun neobjekta infinitivo, ni povus aglutine kombini ilin, dum kiam la helpverbo estus la ĉefelemento. Do el de "Ŝi volas naĝi" rezultus "Ŝi naĝvolas", same kiel oni aglutine kombinas Predikativon kun sia helpverbo el "Ni elektis lin kasisto" al "Ni kasistelektis lin", kaj el "Ni vidis ĝin fali" al "Ni falvidis ĝin".

**10e**. La helpverboj ĉiam havas Infinitivon ĉe si, sed kelkfoje oni devas subkompreni tiun Infinitivon, ekz. en "Mi volas tiun kukon" = "Mi volas havi tiun kukon".

**11e**. La Infinitivo post Moda Helpverbo povas esti Transitiva aŭ Netransitiva, Aktiva aŭ Pasiva, kaj eĉ alia Moda Helpverbo: "Ili rajtas retroveni"; "Mi ne volas manĝi viandon", "Tiu arbo devas ne forhakati", kaj "Li devas povi sukcesi".

**12e**. Oni devas atenti, ke "ne" kaj similaj adverboj difinas nur AŬ la modan helpverbon AŬ la Infinitivon: "Ci ne devas manĝi tion" = ci rajtas sed ne ĉeestas devo, dum ĉe "Ci devas ne manĝi tion" ci ne havas la permeson manĝi tion. Malpli da kontrasto en "Mi ne volas iri" = "Mi eble tamen iros" kaj "Mi volas ne iri" = "Mi nepre ne volas iri". Kaj en "Ni ne povas manĝi tion" = "Ni nepre ne manĝu tion" kaj "Ni povas ne manĝi tion" = Ni havas la kapablon ne manĝi tion sed eble ni decidos manĝi tion".

**13e**. Por eĉ pli sintezigi la aferon, oni povus doni la sekvantan klarigon:

**a**). La klaso de Netransitivaj verboj havas kelkajn verbojn kiuj bezonas specialan traktadon, nome dek tiel nomataj Modaj Helpverboj, el kiuj nur la lastaj tri rajtas uzati sen deviga infinitivo, ekz. "Ŝi iris AĈETI lakton" kaj "Ŝi iris al Kanbero", dum nur "Ŝi volas VIZITI Romon". (Do NE "Ŝi volas Romon".

**b**). Tiuj Modaj Helpverboj estas la jenaj: Voli; povi; devi; rajti; kuraĝi; konsenti; iĝi; kaj iri (kaj foriri ktp); veni (kaj retroveni ktp); kaj procedi. Ekz. "Ni nun rajtas ENIRI; Li konsentis helpi nin; Mi foriris RENKONTI la vizitonton; Mi retrovenis baldaŭ kun li.

**14e**. Mi inklinas preferi la ĉiartikolajn klarigojn, super tiuj de P.A.G. kaj de Marcel esprimitaj en antaŭaj artikoloj.

*Marcel Leereveld.*

★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★

*Se informo pri via novaĵo mankas, la kialo estas ke neniu informis AE*

***Sendu novaĵon al AE kaj la mondo. Ĉiu semajna novaĵletero.*** rspring@tpg.com.au

# La aĉa lingva diskriminacio inter homoj

## Lingva Diskriminacio



Plena Ilustrita Vortaro de Esperanto difinas

**diskriminaci/o** ⚖ Oficiala aŭ efektiva apliko de iu distingo inter la loĝantoj de iu teritorio, per kiu oni rifuzas al parto el ili unu aŭ kelkajn el la homaj rajtoj:

**diskriminacii** (tr) Fari diskriminacion:

Laŭ Vikipedio lingva diskriminacio estas diskriminacio de personoj pro maljusta traktado bazita nur sur iliaj lingvoj aŭ lingvouzo.

https://eo.wikipedia.org/wiki/Lingva_diskriminacio#cite

Ĉar ekzistas pli ol 4000 lingvoj en la mondo, eĉ se oni mem parolas 6 lingvojn oni ne evitas lingvan diskriminacion kontraŭ la parolantoj de la aliaj ĉ 4000 lingvoj.

La angla, ĉar estas anglaj parolantaj landoj, diskriminacias, simile al iu ajn landa lingvo.

Nur Esperanto povos nuligi lingvan diskriminacion ĉar ĝi ne havas kulturon aŭ denaskajn parolantojn en iu lando *Roger Springer*

★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★






Post nia februara interbabilado ĉe la hejmo de Erhard kaj Ness poste ni plifortiĝis ĉe la proksima sportklubo. Bildo montras membrojn Paúlo Howlett kaj Oscar Betancourt.



Nia normala monatan kunvenon estos venontan Sabaton. *Peter Danzer*

★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★

## Solidareca Bonvolo

Solidareca Bonvolo

Saluton Samideanoj,

Mi esperas ke via klubo faras bonan komencon por la jaro 2019.

Jen du sugestoj kiuj eble helpos ĝin esti eĉ pli bona!

***Se informo pri via novaĵo mankas, la kialo estas ke neniu informis AE***

1. Se vi volas allogi komencantojn aŭ reteni progresantojn, povas esti utila koni ekzemplan organizaĵon kiu hodiaŭ vere kaj devige uzas Esperanton en ĉiutaga internacia kunlaborado por grava celo.

Solidareca Bonvolo (www.bonvolo.net) estas tia organizaĵo, kaj vi estas invitita uzi niajn retejojn, fejsbukajn paĝojn kaj eĉ la bele ilustritan novaĵleteron (se vi emas ricevi ĝin) kiel instruilojn kaj diskuttemojn.

2) Se via klubo bezonas iom da enspezon aŭ/kaj ion por fari praktike en la ekstera komunumo, por esti videbla kaj inviti aliajn al Esperanto, ni havas inviton por vi. Tuj kiuj aĉetas dek artikolojn el niaj Mama Wimbi buntaĵoj ricevas rabaton, kaj revendi kun profito. Tiele ili servas kaj belegajn afrikidojn-tiuj povas ricevi la edukadon kiun ili rajtas pretendi kiel sian homan rajton kaj ankaŭ la proprajn celojn de la klubo.

Se tiuj ideoj plaĉas al vi, bonvole kontaktu nin per la retejo www.bonvolo.net aŭ la FB paĝo “Solidareca Bonvolo”.



Dankon pro via tempo, kaj elkorajn bondezirojn, *Peni Vos*

★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★

# Pri letero de Paul Desailly AE411

Dankon Paul, pro la ebleco aŭdi ankoraŭfoje la intervjuon fare de Phillip Adams kun Kep Enderby, en 2007. Estis korvarmige por mi reaŭdi la voĉon de Kep, kiu "*ĉiam volis konversacii pri sia granda pasio, Esperanto*", laŭ Phillip.

Kaj la mencio de Ralph Harry, krom niaj Vivantaj Naciaj Trezoroj, Marcel Leereveld kaj Trevor Steele, memorigis pri la dolĉaj pasintaj tagoj - kio nur ilustras mian propran maljunaĝon. Mi bedaŭras, ke AE411 eldoniĝis tro malfrue por ebligi nin aŭdi la programojn de Phillip la 23an kaj 24an de Januaro, pri kiuj informis Franciska. Verŝajne Phillip agnoskis la 101 jarojn de nia Marcel.

Nur tre tre malprecize mi eble memoras legi aŭ aŭdi ion pri la Insulo de la Rozo. Sed la aludo al 'Femina", aliflanke, montras al ni la konscion en 2007 pri la diskriminacio kontraŭ virinoj; se nur la aktivuloj tiam povis antaŭvidi la "Ankaŭ Mi" movadon! Kompreneble, la diskriminacio daŭras terure en kelkaj ne-Okcidentaj landoj.

La alian intervjuon kiun Paul ebligis nin aŭskulti, koncerne *aĝismon* kaj la ĉiujaran $300 bilionan *kontraŭ aĝiĝo* industrion,, absolute '*gobsmacked*' (ĉu iu leganto povas trovi pli bonan vorton ol 'konsternis'?) pro la stulteco de la homaro. (Sed, verdire, sendube mia harkolorigo kontribuas al tiu sumo. 😬)



*Vera Payne*

★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★

*Sendu novaĵon al AE kaj la mondo. Ĉiu semajna novaĵletero.* rspring@tpg.com.au

# ☆ Jen la Esperanto-programo en 2019 de la franca E-kastelo Greziljono ☆

Greziljono apartenas al kelkaj centoj de esperantistoj. Greziljono estas ankaŭ via domo. Vizitu!

**La kompleta programo** laŭ gresillon.org/agendo

- 2019-apr-12/16 : Ĥora (korusa) renkonto de *Interkant'* kun *Zdravka Bojĉeva*
- 2019-apr-12/16 : LandArt, Arto kaj Naturo en Greziljono kun *Nathalie Dubrulle*

- 2019-apr-26/maj-04 : 9a PRINTEMPaS, intensivaj kursoj kun *Przemek Wierzbowski, Christope Chazarein, Marion Quenut*
- 2019-maj-03/04 : 9a PRINTEMPaS, internaciaj KER-ekzamenoj
- 2019-apr-28/maj-04 : 2a Migra-promenada semajno (en Esperanto) kun *Olivier Buisson*

- 2019-jul-08/18 : 3-a Maratona Esperanto-kurso dum 10 tagoj kun *Dennis Keefe, ....*
- 2019-jul-08/18 : 5-a Interŝanĝoj de scioj kaj faroj (franclingve)
- 2019-aŭg-06/16 : 9-a Festa Semajno por infanoj kaj familioj
- 2019-aŭg-06/16 : 2-a Internacia danco-semajno kaj Esperanto-kursoj

- 2019-okt-26 / nov-03 : 8a AŬTUNE la Esperanto-ferioj - kun halovena festo

**BONVENON!!!**

Maison Culturelle de l'Espéranto
Adreso: Grésillon, St. Martin d'Arcé, 49150 BAUGÉ-EN-ANJOU, France
Retpoŝto: kastelo@gresillon.org Retejo: www.gresillon.org aŭ nur gresillon.org--

★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★



**3ZZZ** Se vi sentas nostalgion al Portugalujo kaj Lisbono, urbo de la lasta universala kongreso , aŭskultu la priskibon de la portugalaj ceramikaj artaĵoj en la elsendo de la 4a de februaro. Ankaŭ gravas bone prepari la tagon de la gepatra lingvo kiel nin incitas fari Renato Corsetti .





*Franciska Toubale*

★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★

Esperanto Por UN

Informilo de Januaro 2019

http://www.esperantoporun.org/dokumentoj/informiloj/informilo-de-januaro-2019/

★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★

*Se informo pri via novaĵo mankas, la kialo estas ke neniu informis AE*